# Hispana Esperanto GAZETO

*Eis aquí se descobre a nobre Hespanha*
*Como cabeça allí da Europa toda.*

*De ĉi tie jen nobla Hispanujo*
*Kvazaŭ kapo de la tuta Eŭropo.*
(«Os Lusiadas». Kanto IIIa, XVII.)
CAMOENS

**2a jaro Julio-Aŭgusto 1932 N-ro 16**

OFICIALA ORGANO DE
HISPANA ESPERANTO ASOCIO
ORGANO OFICIAL DE LA
ASOCIACIÓN ESPERANTISTA ESPAÑOLA

*Redakcio kaj Administracio:*
SAGASTA, 10. - MADRID (HISPANUJO)



TIPOGRAFIA CHULILLA Y ANGEL
Torrecilla del Leal, 17
Teléfono 71926

# KONGRESANOJ AMUZAĴOJ DE NIA IX

La dimanĉon 15an de majo, posttagmeze, pli ol cent el gekongresanoj, aŭtobuse ekskursis al proksima *El Pardo* (14 km. de Madrido). Sur la aŭtobusoj grandaj esperantaj afiŝoj; granda ĝojo kaj kontento ĉe koroj de ekskursantoj, elmontriĝante per kantado de esperantaĵoj. Bedaŭrinde oni ne povis viziti la palacon kaj plej riĉan de la mondo govelenan kolekton, ĉar ankoraŭ la muzeo ne estis tute aranĝata. Sed la samideanaro ne enuiĝis kaj okazis kvazaŭ publika propaganda festo ĉar S-ro. Vila bonege deklamis esperante kaj hispane versaĵojn, kiuj forte impresis la neesperantistojn, kiuj varme aplaŭdadis la rapsodon. Oni admiris la famegan kuŝantan krucumiton, kiu estas tre altvalora artaĵo.

Lundon 16an estis vizito al Arkeologia Muzeo, kie la gekongresanoj admiris ĉion eksterordinare varian elmontratan civilizon de diversaj popoloj eĉ de la prapatraj tempoj: rimarkindegaj estas porcelanaĵoj de l' Retiro kaj de l' Moncloa (Madrido), grandvalora moneraro multenombrega tre bone klasigita. Dank' al speciala permeso la gekongresanoj admiris ankaŭ veran trezoron arkeologian de la «Inka» Imperio, de la fama «Inka» civilizo.

Mardon 17an okazis vizito al nekomparebla tutmondfama Muzeo de l' Prado. Kiel priskribi la fulman viziton? Neniel: la emocio kreskas, kreskadas ju pli, des pli pasas de salonego al salonego, ĉar ĉe kiu ajn amasiĝas mirindaj juveloj artaj el ĉiuj skoloj de la pentrarto. Vizito tia estas kvazaŭ filma pasado de artaĵoj, impresigante profunde mirige kiun ajn. La Muzeo entenas ankaŭ skulptaĵojn kaj aliajn artaĵojn mirigantajn.

Tre simpatia kaj alloga estis la vizito al la nuna tombejo de la granda majstro de la pentrarto Goya, eksermitejo de Sankta Antono de la Florida, en kiu la tutmondfama pentristo, la aragona geniulo, per sia spertega peniko, postlasis al ni mirindajn freskojn: oni aranĝis speciale la ermitejon, kombinante lumon kaj spegulojn por bonege admiri eĉ detale la freskojn de la kupolo. Sekve la samideanaro trairis la belegan Parkon de Okcidento kaj de ĝia supra parto, promenejo Rosales, kvazaŭ balkonego, admiris la grandiozan allogantan panoramon ĝis la montaro Guadarrama, super la foliplenan Casa de Campo.

Kian grandan miron sentis la gekongresanoj, vizitante la Nacian Palacon? Se vizito al Muzeo de l' Prado postulas tagojn, eĉ semajnojn, same okazas por vizito al Nacia Palaco: oni surpriziĝas de miro en miron, ĉar marmoro, bronzo, roka-kristalo, pentraĵoj, horloĝoj, bustoj, amforoj, porcelanaĵoj eĉ ĉinaj, plafonoj, mozaikoj, brokatoj,

govelenoj..., en ĉiu ĉambro, en ĉiu salonego, profunde impresas kvazaŭ la lukso kaj riĉeco en kombino kun la arto ebriigus. Priskribi detale estus neeble por raporto rapida al la gazeto, tiel fari postulus iujn numerojn. La Nacia Palaco kun la Muzeo de l' Prado estas paro nekomparebla!

*La gvidinto* KARLO DE SAN ANTONIO

## EKSKURSOJ AL TOLEDO KAJ ESCORIAL

Kongresi en Madrido devigas ekskursojn almenaŭ nepre al tiuj du lokoj; tial sufiĉe multenombraj gekongresanoj de nia IX profitis la tre bone organizitajn de S-ro. Ludoviko Rodríguez Escartín vizitojn al Toledo kaj Escorial; al Toledo, ĉar eĉ por tiuj, kiuj ĝin vizitis eĉ loĝis tie, estas ĉiam alloga: ju pli oni konas Toledon des pli oni sentas la neceson reviziti ĝin, ĉar ĉiam ĝi elmontras facetojn mirigantajn pri tio, kio ĝi estas: nekomparebla muzeo vidiganta disvolviĝintan civilizacion dum jarcentoj sinksekvaj koncerne politikon, religion, kutimon, arton, sciencon, k. t. p., de diversaj popoloj; civilizacio postlasinta en la tuta urbo mirindajn restaĵojn laŭ abundega varia amaso, kiu estas la tuta urbo. Homo avida je spirita nutraĵo sin trovas ĉiam en Toledo ĉe plej sindoneme abundege kontentiga kaj disponiga loko eĉ al siaj revoj.

Kion diri pri El Escorial? Ĉirkaŭate de belega pejzaĝo, la masiva monaĥejo, kiun ordonis starigi Filipo II, por ke ĝi estu lia tombejo, entenas riĉaĵojn, artaĵojn multenombrajn; tie por ĉiam kuŝas la restaĵoj de multenombraj gereĝoj kaj de iliaj familianoj en artaj tombaroj; tie oni konservas riĉegan bibliotekon, kiu enkalkulas multenombrajn ankoraŭ ne bone esploritajn kaj studitajn manuskriptojn arabajn, kiuj iam tre diafane sciigos pri la miriganta hispan-araba civilizacio, kiuj elpruvas la riĉan devenon de la grandioza hispana literaturo: ĉi trezoro estas kvazaŭ ne lumanta lampo bone preparita kaj atendanta ke oni ekbruligu ĝin por lumigi potence tutan mondon.

Ambaŭ vizitoj lasis fortan impreson en la vizitintoj, kiuj forlasis la lokojn pensante profiti novan kaj novajn okazojn por revizito.

Se la spirita nutrado estis kontentiga, same estis pri la fizika dank' al la sperto de la organizinto kaj gvidinto.

## IX^a KONGRESO DE H. E. A.

Spite de malfavoraj cirkonstancoj, de tre rapida organizo dum

malmultaj monatoj, de manko de propagando per la gazetaro, jen alia elpruvo pri la sukceso de nia IXª Kongreso laŭ jena bilanco:

| | | PESETOJ |
|---|---|---|
| **DEBETO:** | | |
| Mondonaco de la Militista Klubo de Madrid | | 150,00 |
| Pro aliĝoj al Kongreso: | | |
| 2 po 25 ptoj. ĉiu | 50 | |
| 1 po 15 ptoj. ĉiu | 15 | |
| 2 po 6 ptoj. ĉiu | 12 | |
| 3 po 10 ptoj. ĉiu | 30 | |
| 178 po 5 ptoj. ĉiu | 890 | 997,00 |
| Subvencio de H. E. A. | | 200,00 |
| Saldo pro dumkongresaj ekskursoj | | 16,20 |
| Pro 165 steloj venditaj al H. E. A. | | 165,00 |
| *Sumas la debeto* | | 1.528,20 |
| **KREDITO:** | | |
| Pagoj al presejo Linera: | | |
| pro 2.000 cirkuleroj pri la Kongreso | | 45,00 |
| pro 1.000 grandaj leterfolioj | | 20,00 |
| pro 300 membrokartoj | | 45,00 |
| Pago al papervendejo Mingo pro libroj por kalkuloj de la Kongreso | | 3,00 |
| Impostmarkoj kaj poŝtmarkoj | | 55,70 |
| Maŝinskribaĵoj | | 7,00 |
| 400 Kongresinsignoj (pago al S-ro. Lerroux) | | 425,60 |
| 3 oraj emajlitaj kongresinsignoj | | 300,00 |
| 6 arĝentaj emajlitaj kongresinsignoj | | 158,00 |
| 300 kovertoj por membrokartoj | | 11,25 |
| Silka rubando trikolora kaj kordono por la flago | | 50,00 |
| Al la muzikistaro de la Iª Regimento de Inf. | | 150,00 |
| Donaco al la Flora Maso de Madrido | | 100,00 |
| Donaco al servistoj de la Ateneo | | 50,00 |
| Donita al H. E. A., ĉar la kongresaj enspezoj supermezuris la elspezojn | | 106,85 |
| *Sumas la kredito* | | 1.528,20 |

Madrido, 20an de junio de 1932.—*Atestas: La Sekretario*, MARIANO MOJADO.—*La Trezoristo*, JULIÁN SOSA.—*Konstatas: La Prezidanto*, J. MANGADA ROSENÖRN.

## HISPANA LIGO DE ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ

Okaze de la IX Kongreso de Hispana Esperanto-Asocio, ĉi Ligo okazigis sian ĝeneralan kunvenon la 17an de majo, en la Ateneo, kun multenombra ĉeestantaro. La liganoj decidis:

Ie. Aprobi la akton de la antaŭa ĝenerala kunsido;

IIe. Aprobi la raporton de la Komitato;

IIIe. Aprobi la kalkulojn;

IVe. Starigi ĉefan Delegitecon en Barcelono por la kvar katalunaj provincoj, kun Ĉefdelegito en Barcelono, provinca Delegito en ĉiu provinca ĉefurbo kaj lokaj Delegitoj laŭ konveno ĉie, por la plej bona disvolvo de nia laboro, disponante 15% el kotizoj respektivaj por la elspezoj de la Ĉefdelegiteco, kaj 10% el la samaj kotizoj por ĉiu provinca Delegiteco. Ĉi decido koncernas ankaŭ la ceterajn regionojn, en kiuj ĝin konsilas la granda membraro;

Ve. Akcepti membroj de la Ligo la tramvojistojn, kaj membroj helpantaj la parencojn (edzinoj kaj filoj) de la fervojistoj kaj tramvojistoj;

VIe. Pritrakti en la Internacia Kongreso Esperantista de Parizo (Fervojista Fako) la fondon de Internacia Fervojista Asocio absolute neŭtrala;

VIIe. Celi malfermi kurson de Esperanto en la Orfejo de la Fervojistoj;

VIIIe. Atenti la plinombrigon de postenoj en la Direktanta Komitato por ĝin proponi en la tuja aliformigo de la regularo.

---

## IX.ª KONGRESO DE H. E. A.

Por error, dejó de incluirse en la lista de adheridos al mismo al siguiente:

187. S-ro Antonio Fernández Hidalgo.

*El Secretario de H. E. A.,*
MARIANO MOJADO

---

## GRAVA DECIDO

La Ĉeĥoslovaka Ligo de Homaj Rajtoj ĵus sin turnis al la Federacio de ĉi Ligoj, kies sidejo estas en Parizo, kun la peto, ke la lingvo por la rilatoj inter la membroj de la Ligoj, inter la Ligoj, kaj

inter ĉi tiuj kaj la Feedracio estu Esperanto; kaj ke la Ligoj celadu interesi la naciajn registarojn por ke ĉi tiuj enkonduku Esperanton en la lernejoj. Atentu bone la hispanoj apartenantaj al la nacia Ligo plenumi la decidojn de la Ĉeĥoslovaka Ligo.

## PRESERARO

En la kvara paĝo de la pasinta n-ro. de ĉi gazeto, oni diris, ke S-ro. Roberto Marauri salutis la Kongreson je la nomo de la Poŝta Ĝenerala Direkcio; sed oni devis diri S-ro. Javier Marauri.

## ENLANDA KRONIKO

*Madrido*.—S-ro. Karlo de San Antonio klarigas rapidan someran kurson en la Kolegio de Kuracistoj, kaj intruisto S-ro. Jozefo Artigas klarigas kurson por junuloj en la lernejo «Pablo Iglesias», ĉe la kvartado Puente de Vallecas.

* * *

En la Popoldomo ĵus malfermis esp-kurson nia fervora kaj entuziasma samideano S-ro. Jacinto Martín.

Nia nelacigebla samideano kaj sekretario de H. E. A. S-ro. Mariano Mojado daŭrigas sukcese sian kurson, merkredon kaj sabaton ĉiusemajne je la 17ª kaj duono pere de «Radio España», kaj ĉe li ankaŭ lernigas esperanton al iuj personoj, kiuj, kaŭze de siaj laboroj, ne povas ĉeesti la malfermitajn kursojn.

*Ferrol*.—Ĵus oni fondis definitive la «Esperantista Grupo Ferrol», kies komitato konsistas el S-roj: Luis Fernández Gómez, prezidanto; Manuel Casteleiro Fontán, sekretario; Emilio Oliván, kalkulisto trezoristo; Mariano Rubio Pérez, 1ª voĉdonanto; Manuel Fernández Méndez, 2ª voĉdonanto, kiu je la nomo de la Grupo samideane salutas la Asocion, la Grupojn kaj ĉiuj samideanojn.

H. E. A. tutkore gratulas la novan Grupon, kaj esprimas al ĝi sian plej koran saluton kaj plej korajn bondezirojn por ĝia agado.

*Zaragoza*.—La Grupo «Zaragoza Esperantista» okazigis, la 28an de la ĵus pasinta junio, brilegan kaj multenombre ĉeestitan noktfeston; pli ol 250 gesamideanoj partoprenis ĝin. La entuziasmo estis granda, kaj la fervoro kristaliĝis laŭ nova kurso de esperanto, kiun gvidas S-ro. José González.

«Zaragoza Esperantista» eldonis kolekton el dek ilustritaj poŝtkartoj kun esperanta teksto vidigantaj monumentojn, k. t. p., de Zaragoza. Prezo: Unu peseton. Havebla de la prezidanto de la Grupo, S-ro. José Carnicer (str. San Diego, 5, principal, Zaragoza) aŭ de la sekretario de H. E. A., S-ro. Mariano Mojado (Abascal, 13, Madrid). Ĉiam antaŭpagu!

S-ro. Félix Sisón el ĉi Grupo eldonis tre artan propagandan esperant-markon por la kovertoj, poŝtaĵoj, k. t. p. Petu ilin al la eldonisto. Prezo po cento minimume: 50 centimojn el peseto.

## ĈU H. E. A. ESTAS ATENTINDA?

Asocioj, Societoj, Ligoj, Federacioj, el diversaj landoj, aliĝis al la Universala Esperanto-Organizaĵo, kiun starigis la Kontrakto de Helsinki, pagante kotizojn al Konstanta Reprezentantaro de Naciaj Societoj (K. R.) laŭ elĉerpitaĵo el tabelo aperinta en broŝuro «La Servaro» eldonita ĵus de Universala Esperanto-Asocio, paĝoj 6ª kaj 7ª:

| LANDO | *Pagoj de 1923 ĝis 1930, en svisaj frankoj* | | | | | | | | Tuta pago |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| | 1923 | 1924 | 1925 | 1926 | 1927 | 1928 | 1929 | 1930 | 1923-1930 |
| Brita | 750,00 | 756,60 | 693,55 | 691,15 | 693,00 | 632,70 | 630,30 | 625,85 | 5.473,15 |
| Germana | | 196,09 | 246,00 | 727,25 | 310,10 | 399,00 | 742,95 | 486,30 | 3.093,69 |
| Nederlanda | 161,00 | 163,09 | 145,85 | 142,80 | 158,90 | 216,25 | 293,90 | 514,30 | 1.796,09 |
| Japana | | 196,61 | 212,15 | 117,00 | 120,00 | 228,00 | 228,00 | 250,00 | 1.351,76 |
| Franca | 43,40 | 170,97 | 141,66 | 111,35 | 176,35 | 178,00 | 253,65 | 252,10 | 1,327,48 |
| Germana en Ĉeĥoslov. | 16,25 | 110,34 | 224,98 | 228,75 | 146,35 | 175,00 | 135,40 | 125,53 | 1.162,60 |
| Dana | 104,45 | 94.57 | 131,77 | 184,60 | 124,00 | 140,65 | 120,50 | 109,50 | 1.010,04 |
| Hispana | | | 148,37 | 148,00 | 176,50 | 168,00 | 148,80 | 118,57 | 908,24 |
| Svisa | 100,00 | 104,03 | 100,00 | 100,00 | 100,00 | 120,00 | 133,25 | 123,80 | 881,08 |
| Sveda | 75,00 | 91,22 | 77,02 | 72,25 | 66,50 | 67,00 | 111,40 | 116,75 | 677,14 |
| Belga | 27,21 | 54,54 | 67,78 | 43,00 | 56,00 | 96,00 | 116,00 | 99,50 | 560,03 |

Nia Hispana Esperanto-Asocio okupas la 8an vicon; sed tial ke ĝi ĉiam pagis ĉiujare 200 pesetojn, kiuj valoris laŭ la valuto, kiu estis ankoraŭ pli favora al la peseto dum 1923-1924, se ni estus aliĝintaj

je 1933, t. e., pagintaj 148 sv. fr. por 1923 kaj 148 sv. fr. por 1924, ni okupus, pro pago de 1.204 sv. fr., la SESAN VICON. Tamen, vere en la Tabelo nia Asocio okupas vicon antaŭ la Dana, se ni logike elkalkulus el la sumo pagita de la Dana Asocio la sumojn 104'45 kaj 94'57 de la jaroj 1923 kaj 1924, dum kiuj ankoraŭ Hispana Esperanto-Asocio ne apartenis al K. R., ĉar ni firme starigis nian Asocion je 1925.

Se ni taksus la forton de la enlandaj organizaĵoj laŭ pago al K. R., trarigardo sur la Tabelo vidigos al ni: la dekadencon de la Brita; la plifortiĝon de la Germana ĝis 1927, kiam ĝi duonfalas, novan plifortiĝon ĝis 1929, kiam denove dekadencas trione proksimume, sed konservante je 1930 preskaŭ kvaroblan forton pli ol je 1923; ke la Nederlanda iomete dekadencas dum 1925-26, sed firme konstante ĝi plifortiĝas pli kaj pli ĝis 1930, triobligante la forton de 1923; ke la Japana ankaŭ dekadencas dum 1926-27, sed plifortiĝas seninterrompe proksimume laŭ kvarono el sia 1924a forto; ke la Franca plifortiĝas kvaroble dum 1924, dekadencas trione dum 1925-26, ree seninterrompe iom post iom plifortiĝas, akirante je 1930 sesoblan forton je tiu de 1923; ke la Germana en Ĉeĥoslovakujo sepobliĝas je 1924, dum 1925 duobligas sian 1925an forton, kiun ĝi konservas dum 1926, por perdi el ĝi triono kaj dekadenci ĝis 1930, sed konservante preskaŭ okoblan forton je tiu de 1923; ke la Dana, altiĝante kaj malaltiĝante iomete, atingas la jaron 1930 kun iomete pli da forto ol tiu de 1923; ke la Svisa neniam perdas, kaj atingas la jaron 1930 kun preskaŭ kvaronon da forto pli ol tiu de 1923; ke la Sveda plifortiĝas je 1924, dekadencas seninterrompe dum 1925-26-27, reekplifortiĝas ĝis 1930 preskaŭ laŭ duono el la forto de 1923; ke la Belga duobliĝas je 1924, iomete kreskas je 1925, dekadencas je 1926, iomete progresas je 1927, saltas bone antaŭen je 1928-29, kaj iom dekadencas je 1930. Oni devas bone atenti, ke ĉi organizaĵoj estis jam je 1923 sufiĉe malnovaj, kaj ke aliaj 25 organizaĵoj el tiuj de la Tabelo estas neatentindaj, ĉar ili ne pagis konstante, kaj la pago estis tute varia, vidigante ilian malfirmecon.

Konsekvence, senpartia hispana samideano klare konscios ĉu nia Asocio estas tiel atentinda kiel kiu ajn el la aperintaj en la antaŭa tabelo; ĉu nia Asocio, des pli de la nova vojo surirata, des pli de nia ĵusa IXa Kongreso, kaj dank' al la subvencio, kvankam modesta de la Ŝtato, meritas atenton ĉies, meritas kunlaboradon ĉies.

Ni verkas ĉi tion kiam ĵus ni sciis, ke, dum la Universala Kongreso de Parizo, oni celos la reorganizon de la Tutmonda Esperanto-Movado, difinante malgrandan kotizon ĉiujaran por ĉiu samideano de la

mondo (eble DU FRANCAJN FRANKOJN aŭ DUONON el SVISA FRANKO); estu kiu ajn el la du kotizoj, Hispana Esperanto-Asocio aligos ĉiujn siajn membrojn al la Universala Esperanto-Fronto, pagante de sia kaso tutan sumon pro kotizoj, sen altrudo pri altiĝo de la ĉiujara kotizo por heaaneco, se feliĉe la Pariza Kongreso sukcesigus la reorganizon.

Faktoj estas pruvoj; unu faro valoras pli, ol multenombraj diroj eĉ paroladoj, kaj H. E. A. de sia fondo faradas, kaj de antaŭ unu jaro efektivigis farojn tiel, kiel iu ajn organizaĵo neniam faris. «Kiuj volas vidi, vidu!»

---

## A LOS MIEMBROS DE H. E. A.

Aprobado por la Dirección General de Seguridad el nuevo Reglamento (votado en nuestro IX Congreso) con fecha 24 de junio de este año, es de necesidad inmediata su cumplimiento; y, por lo tanto, para poner en vigor cuanto la reforma previene a la Directiva, precisa, en primer lugar, que los miembros de todas las regiones reelijan sus Vocales o los elijan nuevos, ampliando la elección al tercer Vocal, dando cuenta de su reelección o elección conforme dispone el párrafo segundo del artículo 5.°, para que la Junta Central Ejecutiva comunique los nombramientos de cada región a los de las demás y proponga candidatos para los cargos de Vicepresidente, Vicetesorero y Bibliotecario con que se amplía la Junta Central Ejecutiva, para su elección, conforme dispone el artículo 5.°, puesto que no se puede esperar al próximo Congreso, y la Junta Central Ejecutiva debe completarse inmediatamente.

En la región, como Castilla la Nueva, en que no se han nombrado aún los Vocales, los miembros de la región procederán a hacerlo, convocándose para ello; en las regiones que ya tienen sus Vocales con arreglo al Reglamento anterior, éstos convocarán para la reelección o elección de los existentes y elección del tercero, y, para cumplimiento de todo, pueden pedir a la Secretaría de H. E. A. las listas de los miembros que existen en cada región respectiva.

Es de desear el cumplimiento de todo esto con la mayor rapidez posible.

Madrid, 30 de junio de 1932.—*El Secretario*, MARIANO MOJADO.
V.° B.°: *El Presidente*, J. MANGADA ROSENÖRN.

## HO, MIA KOR'!

Ho, mia kor',
Ne batu maltrankvile;
El mia brusto nun ne saltu for'!
Jam teni min ne povas mi facile,
Ho, mia kor'!

* * *

Ho, mia kor'!
Post longa laborado,
Ĉu mi ne venkos en decida hor'?
Sufiĉe; trankviliĝu de l' batado,
Ho, mia kor'!

LUDOVIKO LAZARO ZAMENHOF

## ¡OH, CORAZON!

¡Oh, corazón,
Ya late con sosiego,
Del pecho no te expulse la emoción!
A sostenerme casi apenas llego.
¡Oh, corazón!

* * *

¡Oh, corazón!
¿Tras larga mi jornada,
Del triunfo yo tendré pronta ocasión?
Ya basta; ten la paz ambicionada.
¡Oh, corazón!

*Tradukis* JULIO MANGADA ROSENÖRN

## ESPERANTAJ KONGRESOJ DUM PENTEKOSTO

BELGUJO.—La XXI Belga Kongreso okazis en Antverpeno dum la 14-15-16 tagoj de Majo, kun ĉeesto de germanoj, nederlandanoj kaj francoj. La 14 okazis en la akceptejo «De Whitte Leeuw» la unua laborkunsido, sekve balo. La dimanĉon 15an estis granda festo tago. La katolikoj frue ĉeestis diservon kaj aŭdis esperantan predikon de pastro Cort. La kongresanaro oferis florojn ĉe la monumento al militviktimoj, S-ro. Schoofs, prezidanto de la Belga Ligo faris la oferon je nomo de belgoj, S-ro. Kurt, el Kolonjo, je la nomo de fremdaj samideanoj. Sekve okazis en salono de urba lernejo la solena malfermkunsido, sub prezido de S-ro. Schoofs, kiu faris paroladon; estis salutparoladetoj de fremdaj samideanoj kaj legado kaj aprobado de la raporto pri la Asocio. La prezidanto esprimis kondolencon al francaj samideanoj pro morto de S-ro. Paul Doumer, kaj anoncis, ke «Touring Klubo» interesiĝis por Esperanto kaj ekfaris propagandan laboron, dank' al laboro de S-roj. Wyns Van Genechte kaj Kempeneers. F-ino Thoris el Bruĝo invitis partopreni festojn en la Bruĝa Grupo je la 9.ª de oktobro ĉi jara okaze de la tridek-jara dato de ĝia ekzisto.

La Urbestraro akceptis la kongresanaron, kaj S-ro. Schoofs donacis memormedalon al ekabeno S-ro. Junes, kiu dankis kaj bondeziris. La kongresanoj vizitis la belan urbodomon.

En hotelo «Billard Palace» okazis festeno kun parolad-tostoj.

Vespere okazis en salonego «Patria» teatraĵo: oni ludis «Por kvietaj personoj» kaj «Esperanto kaj Amoro».

Lundon 16an, okazis boatveturado sur la Skeldo kaj tra la dokoj, komuna tagmanĝo kaj vizito al la belega zoologia ĝardeno. Laŭ la kongresraporto el kiu ni elĉerpis detale: «Sukcesinta Kongreso!»

* * *

La Flandra Ligo Esperantista okazigis sian IIIan Kongreson en Kortrijk. Bona akcepto de samideanoj. Vespere, sur la Granda Placo estis unuhora sonorilara koncerto de sur la turo de la ĉefpreĝejo, kies plej interesa numero estis la Esperanta-himno.

En la akceptejo estis la oficiala malfermo sub prezido de la Kortrijka grupo, S-ro. G. Debrouwere, sekvita de ĉarma kunesto dum kie la Antverpena kantrodeto kantadis same kiel komune kantis la ĉeestantoj. La estrarano Jan van Schoor salutis la Kongreson je la nomo de la Flandra Ligo Esperantista, transdonante esperantan-flagon je la

nomo de l' ceteraj gefrataj unuiĝoj. Sekvis dancado, kaj poste de la 22ª ĝis la 24ª estis la unua laborkunsido.

Dimanĉo, 15an, la kongresanaro aŭdis meson en la kapelo de la kolegio «Casino» kiun diris monaĥa moŝto De Coene, prezidanto de Belga Katolika Ligo Esperantista. Poste okazis procesio de proksimume 200 kongresanoj gvidata de kvin esp-flagoj, tra la urbo, al Urbodomo, kie la Urbestraro akceptis la kongresanojn (La Urbestraro de Kortrijk de longe subtenas mone laboron de la Kortrijka Grupo.) Estis speciala aŭdienco por la grupdelegitoj, kiujn la urbestro kaj urbokonsilantoj regalis, kaj franca samideano militblinda Masselier el Parizo esprimis kortuŝan dankon je la nomo de la eksterlandanoj (anglaj, ĉeĥoslovakaj, francaj, germanaj, hinda kaj nederlandaj). Legado de telagramoj, leteroj kaj reportoj de la Asocio. Okazis manifestacie vizito al monumento por la militviktimoj por meti florkronon en ĝin.

En salonego de la Nova Urba Teatro okazis festeno kaj balo, kaj dum balo-paŭzo estis lotitaj du ravaj kapkusenoj.

Estis ankaŭ posttagmeza promenado tra la interesa malnova urbo, kaj sekve festo kun muzikaĵoj, kantoj kaj deklamaĵoj, kaj kantludita teatraĵo «Du hundoj por unu esto». Dum la festo oni disdonis diplomojn al laŭreatoj el Kortrijk, Aalst kaj Hamme.

Lundon, 16an, vizitoj: al artaj preĝejoj, muzeo el arkeologiaĵoj; al pitoreska malvasta parko. Ĉeesto al pilkludo inter «leonoj» de Antverpeno kaj «Verda pilko» de Aalst.

* * *

ANGLUJO.—En Southport, kun belega vetero, okazis la XXIIIª Brita Kongreso de Esperanto, kiun proksimume ĉeestas 300 samideanoj, elpruvante ĉi tio ke la movado iras antaŭen, vidigante forton de la movado, ĉar oni rimarkas junajn seriozajn multenombrajn vizaĝojn, sed kun granda bedaŭro oni ne vidas la tre amatan maljunan Warden, kiun retenas grava malsano ĉe la lito!

La urbestro, bonvenigis la kongresanojn per tre varma esperanto-parolado. Estas rimarkinde, ke la Urbestraro helpis per eldono de la kongres-libro, ludo de la himno kaj senkostaj biletoj al la kongresanoj por la koncertoj.

Okazis speciala kunveno de instruistoj, dum kiu oni aŭdis raportojn pri grandaj meritoj de Esperanto kiel studtemo por infanoj. F-ino. A. E. Edwards el Bishop Auckland County Cchool por knabinoj raportis, ke ĉi tiuj tiom interesiĝas en la studo de Esperanto, ke ili mem instruas siajn gepatrojn: ili tute ne konsideras la studon de Esperanto kiel laboron sed kiel ludon, kiun ili sekvas dum eksterlernejaj horoj, kaj ili konsideras ĝin necesa fakto por la internacia vivo al kiu

la nuna junularo aliras. F-ino. A. Hogg el Moderna Lernejo William Stockton por knaboj en Ellsmere Port diras, ke tie la studon de Esperanto oni faris eksperimente, sed tiel bone sukcesis la eksperimento, ke nun oni instruas ĝin devige. La knaboj legas tradukojn el alilingvaj verkoj kaj regule korespondas kun eksterlandaj infanoj, kaj estis grandaj profitoj al infanoj de la geografia vidpunkto kaŭze de Esperanto.

Ankaŭ oni pritraktis dum laborkunsido pri la temo unuigi nacian kaj tutmondajn instituciojn: U. E. A., I. C. K., ktp., elektinte malgrandan komitaton por esplori la demandon kaj fari raporton. Oni raportis ke antaŭ nelonge fondiĝis, en Anglujo, branĉo de la Komitato por Kooperativo Intelekta de la Ligo de Nacioj, kaj ke ĝi rezoluciis pri neceso de helplingvo por internaciaj rilatoj, ke ĝi denove tion faris kaj petis la Ligon en Ĝenevo solvi la problemon. La Kongreson salutis telegrafe aŭ poŝte diversaj naciaj kaj internaciaj organizaĵoj, kiel multaj personoj kaj grupoj. Okazis: diservo en preĝejo kun prediko en esperanto; komuna lunĉo, koncerto kun teatraĵo «La vilao de l'amo», ludita de la Erika Rolantaro, Londona trupo; balo kun babilado, flirtado, konatiĝado. La urba estraro provizis la halon por la balo kaj la abundan bonan manĝaĵojn.

* * *

En la bela urbo Perth okazis la XXVII Kongreso de la Skota Federacio Esperantista, kun pli da 100 ĉeestantoj, kiuj havis la privilegion loĝadi kaj laboradi en la palaca Stacidoma Hotelo.

La urbestro kaj aliaj lokaj aŭtoritatuloj bonvenigis kaj regalis la samideanaron. La urbestro laŭdis la Majstron, lian gloran verkon, kaj deziresprimis, ke Esperanton oni instruu en la lernejoj; al li, dankante, je la nomo de la Kongreso, sin turnis elokvente F-ino. Jane Baird.

La tagon antaŭ la Kongreso okazis en la Rotaria Klubo kunveno, en kiu S-ro. Wm. Harvey faris paroladon pri la lingvaj baroj interpopolaj kaj pri Esperanto kiel forigilo de tiuj baroj.

Dum komuna tagmanĝo S-ro. Smail, rektoro de la fama Perth'a Akademio faris paroladon pri la graveco de Esperanto kiel enkondukilo al studo de lingvoj en la lernejoj. Ankaŭ parolis la kasisto de la Federacio S-ro. Kennedy M. A.

Estis diservo en la malnova kaj historie interesa preĝejo S-ta. Johano. Pastro J. A. Lees, M. A., predikis; S-ro. Malcolm bone kantis solaĵojn «Sufiĉas nun» el la «Elijah».

Estis vizito al famaj lokaj firmoj—Pullar (tinkturistoj) kaj Moncrieff (vitrofabrikistoj)—, kie la kongresanaro spertis praktite pri tiaj industrioj.

Aŭtomobilaj kaj piedaj ekskursoj al pitoreskaj lokoj de la regiono okazis.

* * *

DANUJO.—En Aarhus, okazigis la Centra Dana Esperantista Ligo la ĝis nun plej grandan nacian Esper-Kongreson, dank' al granda progreso de la Esperanto-movado en la lando. Granda nombro da eksterlandanoj ĉeestis la Kongreson.

S-ro. Martín Palsberg, prezidanto de Aarhus Esperanto-forening, malfermis la Kongreson en la salono de la malnova urbodomo, kaj la protektanto, lernejdirektoro Sejerholt faris paroladon pri la interna ideo kaj celo de Esperanto.

F-ino. Elinjo Pähn el Estonio salutis je la nomo de Estonujo; same salutis S-ro. Kather, instruisto el Bergerdorf, je la nomo de *la* samideanaro el Bergerdorf kaj Hamburg, rimarkante ke li kun novaj samideanoj el sia loko bicikle venis saluti la danajn samideanojn. Estis aliaj salutoj. Posttagmeze, en la hotelo de Ostergade, ĝenerale kunvenis la Liganoj: la prezidanto de la Ligo, S-ro. Alfr. Christensen el Oldense raportis atentiganae pri la progreso de la Ligo, kiu multobligis sian membraron.

Je la sama tago estis komuna festeno en la hotelo de Ostergade, kiun partoprenis multaj samideanoj, el kiuj multaj paroladetis. Sekvis amuza vespero kun teatroprezentado, ludante la komedieton «La Signalvorto», originale verkita kaj ludita de esperantistoj.

La duan tagon la Ligo daŭrigis la laborkunsidon, reelektante la estraron kaj difinante Odense la kongresurbon por 1933.

Policestro Ege el Hobro bonege paroladis pri Esperanto kaj pacmovado; kaj fine oni decidis: sendi peticion al la dana ŝtatradiofonio pri regulaj elsendoj en Esperanto; same peti je la Ministerio por instruado enkondukon de Esperanto en la lernejoj.

* * *

JUGOSLAVIO.—La V^a^ Jugoslava Esperanta Kongreso okazis en Slav. Brod. Ĉe la granda salono de «Hrvatski Dom» estis la malferma kunveno, kiun ĉeestis 300-400 personoj. Jugoslava pioniro, S-ro. Mauro Ŝpicer, konata verkisto en Esperantujo, estis elektata honora prezidanto. Longdaŭraj salutoj, salutleteroj en- kaj eksterlandaj, estis.

Scivoleme atendis la kongresanoj la unuan laborkunsidon post naŭjara atendado por ke la Ministerio de internaj aferoj estu aprobinta la statutojn de la Ligo. Ĝia sidejo estas Beogrado; ĝian estraron oni elektis preskaŭ el la liganoj de Beogrado; oni proponis por fondi

Jugoslavian Esperanto-Instituton; oni decidis, ke la estraro informiĝu antaŭ plani pri eldonota gazeto; oni transdonis la taskon elekti kongresurbon por la VI^a^ al Beogrado; oni priparolis pri la propaganda laboro ĉe la ŝaka internacia organizo en Hago, kaj salutis la fondon de Internacia Akademio por poŝt-telegrafa komuniko, kiu uzos Esperanton.

Vespere tre amuza kunveno okazis.

Fakkunveno de laboristoj, kiuj entreprenis gravajn taskojn pri la organizado de la laborista movado enlanda; fakkunvenoj aliaj de studentoj, geintruistoj, abstinenculoj kaj blinduloj, okazis. Bedaŭrinde neniu eksterlandano ĉeestis.

* * *

SVEDUJO.—La Sveda Esperanto-Federacio okazigis sian jarkunvenon en Eskilstuna. S-ro. P. Nylen, Akademiano, grava pioniro de Esperanto, malfermas la kunvenon, kiun ĉeestas 125 gesamideanoj: S-ro. Nylen bonvensalutis la svedan samideanaron kaj por la jarkunveno kaj cetron de la estraro; estis salutoj de la delegitoj kaj sekve festono, festa kunestado kaj danco.

Dimanĉon 15an oni daŭrigis la laboron fiksante novan regularon; oni elektis la estraron, novan jarkunvenon en Norrköping. Post parolado de S-ro. P. Nylen finiĝis la jarkunveno.

* * *

GERMANUJO.—La XXI^a^ Germana Esperanto-Kongreso okazis en Chemnitz kun brila sukceso, ĉar de la komenco ĝis la fino la Kongreso disvolviĝis tute normale laŭ la programo, kaj ĉio funkciadis senriproĉe.

Sabaton 14an, la ĉefurbestro Arlart akceptis en la urbodomo la estraron kaj konsilantaron de G. E. A. kaj la L. K. K. Posttagmeze okazis la jara ĉefkunsido de Esperanto Unuiĝo de Germanaj Instruistoj, en kiu lernejestro Haubold (Riesa) paroladis «Dum dek jaroj Internacia Pedagogia Revuo». Vespere, kunestado en la solonoj de l'hotelo Chemnitzer Hof.

La solena malfermo okazis dimanĉon 15an, je la 10.^a^ h. en la fetsalonego de la Ŝtata Akademio por Tekniko, kie la prez. de LKK, profesoro d-ro. Wicke bonvenigis la 250 ĉeestantojn; poste salutis la asociestro, poŝkonsilisto Behrendt (Berlín). Inter la ĉeestantoj estis multaj altaj aŭtoritatuloj de la urbo. La urbestro parolis germane aldonante iujn frazojn en Esperanto.

La festparoladon en Esperanto faris distrikta supera lernej-konsilisto

d-ro. Fr. Krauer (Dresden) pri «Ĝojo pri Esperanto» disvolvinte la temon elokvente kaj sciriĉe.

La kamer-ĥoro de la Chemnitz'a Instruista Kantunuiĝo kantadis esperante popolkantojn.

Tagmanĝo en Chemnitzer Hof; tradicia fotografado; «laboro» kaj «plezuro» fariĝis reale nur *plezuro*, ĉar laboro esperanta tiel estas: unua laborkunsido de G. E. A. kaj je la fino de U. E. A.; dua laborkunsido kun rimarkindaj temoj: «Esperanto kaj Nacio» de profesoro d-ro. Wicke, kaj «Praktika Esperanto-laboro en lernejo kaj grupo» de lernej-konsilisto W. Halm (Gohlis), kun diskutoj pri asociaj kaj esperanto-aferoj, kaj legado de invito de la urbestraro de Kolonjo por la 25a UK en 1933.

Mardon 17an vizitoj al mirindaĵoj en kaj ekster la urbo, ekskurso al Metal montaro, ĉarma kaj romantika loko, kie, en Annaberg, junaj Metal-montaraninoj sin prezentis en regionaj kostumoj, kantadis kaj deklamadis tipajn regionajn kantojn kaj verkojn, mirinda ora broĉo de la Kongreso.

* * *

Komparante esence nian IXan Kongreson kun ĉiuj antaŭe pritrakttiaj, certe ĉiu heaano konscios, ke ni povas esti kontentaj de ĉiuj vidpunktoj, ĉar senpartia spirito klare vidas per la komparo, ke nia Kongreso nur ne havis komunan festenon, ĝojigantan balon, komunan fotogradon, kaj ke, de kiu ajn alia vidpunkto, ĝi ne estis malsupera je kiu ajn alia; sed male, ĉar ĝia programo enkalkulis ĉion pritraktitan de unu kaj alia Kongresoj, kaj niaj enspezoj supermezuris la elspezojn per 106 pesetoj! Antaŭen kun fido!